# BELGA ESPERANTISTO

43a Jaro - N-ro 3a - Junio 1951

DUMONATA REVUO, OFICIALA ORGANO
DE
REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA



Asocio sen profita celo, aliĝanta al UNIVERSALA ESPERANTO - ASOCIO

SOCIA SIDEJO : 19, avenuo Montjoie, BRUSELO

Respondeca redaktoro : D-ro P. Kempeneers.


# 35a BELGA ESPERANTO-KONGRESO

Bruselo, 12a ĝis 14a de Majo 1951.



*La reprezentanto de la Urbestraro akceptas la kongresanojn en la Milica salonego de la Urbdomo.*
De maldekstre al dekstre : S-o Maurice Jaumotte, vic-prezidanto de Belga Ligo; D-ro Paul Kempeneers, prezidanto de Belga Ligo; S-ro Duhappart, reprezentanto de la Urbestraro; S-ro Cl. Vandevelde, ĝenerala sekretario; S-ino J. Plyson, kasistino.

## BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, koopera societo.

26, Oostenstraat, Antverpeno.

### BILANCO JE LA 31a DE MARTO 1951a.

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| Magazeno | fr. 69.773,39 | Socia Kapitalo | | fr. | 83.200,00 |
| Kaso, poŝtĉeko | 19.121,46 | Laŭleĝa Rezervo | | | 4.000,00 |
| Kooperantoj - Akciuloj | 26.181,92 | Eksterordinara Rezervo | | | 23.000,00 |
| Klientoj - ŝuldantoj | 12.903,80 | Proponita amortizo | | | 500,00 |
| Statutaj deponoj | 3.700,00 | Kreditoroj | | | 14.881,31 |
| | | Dividendoj pagotaj | | | 84,00 |
| | | Statutaj deponitoj | | | 3.700,00 |
| | | Profita Saldo : | | | |
| | | Antaŭa jaro | fr. 1.531,00 | | |
| | | Nunjara | 784,26 | | |
| | | | | | 2.315,26 |
| Fr. | 131.680,57 | | | Fr. | 131.680,57 |

### KALKULO DE PROFITO KAJ PERDO

| | | | |
|---|---|---|---|
| Generalaj elspezoj | fr. 1.588,20 | Saldo de antaŭaj jaroj | fr. 1.531,00 |
| Laŭleĝa Rezervo | 200,00 | Magazeno | 3.072,46 |
| Amortizo | 500,00 | | |
| Profito | 2.315,26 | | |
| Fr. | 4.603,46 | Fr. | 4.603,46 |

# BELGA ESPERANTISTO

OFICIALA ORGANO DE REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

43a Jaro — Junio 1951 — N-ro 3a

# La 35a Nacia Belga Kongreso.

## Bruselo, 12a ĝis 14a de Majo 1951.
## Granda Festo de Frateco en la Ĉefurbo.

Se iuj timis, ke la elekto de Bruselo kiel Kongresurbo, eble ne estus taŭga, ĉar multaj Belgoj, pro siaj okupoj aŭ pro ĉiuspecaj kunvenoj, tro ofte jam devas veturi ĉefurben kaj do ne multe ŝatas tien ankoraŭ reiri por kongresi, la Faktoj, — kiel ofte okazas, — pruvis ke Antaŭvidoj ne ĉiam estas pravaj.

Neniam la nombro de la aliĝintoj, post la Milito, estis tiel alta; kaj ni do povas esperi ke, — jam proksiman jaron kiam temos pri la solena festado de la Bruĝa Grupo Esperantista, kiu memoros la 50an datrevenon de sia fondiĝo, — la nombro de la kongresanoj denove atingos kaj eble superos tiun de niaj tiel brilaj antaŭmilitaj kongresoj, pri kiuj multaj ankoraŭ memoras.

Post la bela sukceso de niaj jus kune pasigitaj tagoj... kaj post la promeso de S-ro Poupeye, la simpatia prezidanto de Bruĝo, fari miraklojn, ĉiuj almenaŭ promesis al si mem kaj al siaj amikoj, ĉion fari por atingi tiun celon.

Sed raportu ni, kiel eble plej mallonge kvankam iomete komplete, pri la okazintaĵoj. kiuj ĉiam estas kaj restas la plej bona garantio de la estonto :

### En la Akceptejo.

Sabaton posttagmeze, ekde la 3a h., alvenis ĉiuj unu post la alia, en la salonoj de la « Ora Leono », malnova kafejo kiu stariĝis antaŭ longa tempo en tiu kvartalo de la urbo, kiu estas la lulilo de la ĉefurbo, sur la Placo St-Géry, kie konstruiĝis, dum la mezepoko, la unua katedralo St-Géry, je l'honoro de la unua episkopo kaj fondinto de Bruselo.

Tiuj, al kiuj ne jam estis senditaj la paperoj, ilin tie ĉi ricevis el la manoj de diversaj membroj de la L. K. K., kiu, — ni diru tuj, — konsistis el : D-ro R. Maes, prezidanto; S-ro Castel, vicprezidanto; F-ino Obozinski, sekretariino; S-ino Ernst, helpsekretariino; S-ino Plyson, kasistino, kaj S-inoj Lefebvre-Janssen, Elly Staes kaj Weyn, kaj S-roj Jirousek, Van der Stempel kaj Verdier, gemembroj.

En la halo ankaŭ estis antaŭvidita librovendejo, kie oni povis akiri diversajn esperantaĵojn.

### Jarkunsido de « Belga Esperanto-Instituto ».

Akurate je la 4a, S-ro Maur. Jaumotte, administranto-prezidanto de nia nacia eldonejo kaj koopera societo, malfermis la kunsidon antaŭ jam tre multnombra ĉeestantaro.

Post konstato, ke tiu ĉi kunveno ne havos laŭleĝan povon, ĉar la duono de la kapital-subskribintoj, kiuj loĝas dise en kaj ekster nia lando, tamen neniam povos ĉeesti, li private aprobigis la diversajn punktojn de la tagordo (¹), inter kiuj la plej grava estas ŝanĝo en la statuto, laŭ kiu, estonte, la akcioj havos nominalan valoron de fr. 250,— anstataŭ fr. 100,— kaj ĉiu

(¹) Tiuj punktoj estis laŭleĝe aprobataj dum la kunsido de la 19a en Antverpeno.

akciulo estos devigata interŝanĝi sian malnovan akcion kontraŭ novan.

Aliflanke, la akciuloj kun plezuro eksciis, ke la Bilanco ekvilibriĝis favore kaj ke, sumigante la rezervojn laŭleĝan kaj eksterordinaran al la librostoko kaj la monhavo, oni konstatas ke, fakte, la valoro de la pagita kapitalo estas kompencata per duobla bonhava valoro kaj ke do, principe aŭ « borse », akcio de fr. 100,— valorus ankaŭ la duoblon !

La Administranto-Prezidanto faris alvokon al subteno kaj helpo, ankaŭ per subskribo, — flanke de tiuj kiuj ne estas akciuloj, — de unu aŭ pluraj akcioj.

Li ankaŭ aplaŭdigis la nomojn de siaj ĉefaj kunlaborantoj, inter kiuj li speciale citis S-ron G. Van den Bossche.

La administrantaro cetere konsistas el S-roj H. Sielens (51), Edg. De Coster (52), Morris De Ketelaere (53), H. Vermuyten (54), G. Van den Bossche (55) kaj Maur. Jaumotte (56), kaj la komisararo el F-ino Yv. Thooris (52), F-ino J. Morrens (53), S-ino Fél. Staes (54) kaj S-ino H. Schoofs (55).

**Kunsido de geinstruistoj.**

F-ino Obozinski tiam prezidis kunvenon de la geinstruistoj-esperantistoj, kiuj aŭskultis raporton pri la laboro de la internacia organizaĵo, rilate al la problemo de la enkonduko de Esperanto en la lernejojn.

**Laborkunsido de Reĝa Belga Ligo Esperantista.**

Kaj, denove akurate je la 5a, D-ro Kempeneers anoncis la malfermon de la unua laborkunsido de la Ligo.

D-ro R. Maes, prezidanto de la L. K. K., bonvenigis ĉiujn kaj deziris al ĉiuj ĉion agrablan dum tiu ĉi 35a kongreso, kiu anstataŭas tiun, kiu devis okazi en Bruselo en la jaro 1940.

La ĝenerala sekretario, S-ro Cl. Van develde, legis tiam raporton pri la plej bona propagandmaniero kaj faris alvokon al la kunhelpo de ĉiuj.

Post tio, la Prezidanto priparoligis la temon, elektitan pasintan jaron por tiu ĉi kongreso, nome :

**« Esperanto kaj Radio »**

pri kiu temo oni aŭdis tre interesajn kaj tre variajn prelegetojn de S-ro Carlo Poupeye (Bruĝo), S-ro Pilloy (Ottignies), S-ino Ernst (Bruselo) kaj S-ro J. Verstraeten (Antverpeno), al kiuj prelegoj aldonis ankaŭ kelkajn konsilojn S-ro Luez, el la franca urbo Laon.

Estis decidite, ke la paroladintoj, dum vespera aparta kunveno, prilaboros rezolucion, kiun iu inter ili antaŭmetos al la kongreso dum la dimanĉa solena kunsido.

Kaj tiam sekvis la

**Oratora konkurso,**

tre grava okazaĵo en la kongresa programo, tiu unua konkurado por gejunuloj, por kiu sin enskribigis F-ino Henny De Ketelaere (Antverpeno), S-ro Roger Jaumotte (Antverpeno), S-ro Jirousek (Bruselo) kaj S-ro Vermeersch (Bruĝo).

Ne nur interesa sed emociiga estis por ĉiuj la fakto ke tiuj junuloj, tutnovuloj en nia movado, pritraktis tiel diversmaniere laŭ enhavo kaj prezento, sed tamen ĉiuj tiel altnivele, temon, en kiu estis prikantata la « interna ideo » sub iu aŭ alia formo.

La nuancitaj aplaŭdoj donis certe al la juĝantaro, prezidata de S-ro Castel, kun F-ino M. Jacobs kaj S-ro Paulus, kiel kunlaborantoj, jam ideon pri la opinio de la aŭdantaro. Sed tre malofte la « vox populi » tiel funde akordiĝis kun la decido de la juĝantaro, kiu aljuĝis la unuan lokon al F-ino Henny De Ketelaere kaj la aliajn rangojn, laŭvice, al S-roj Roger Jaumotte, Jirousek kaj Vermeersch.

Iĝis vera ovacio, kiam vespere dum

la festo, S-ro Castel anoncis tiun belegan rezulton.

Nur manko de loko kontraŭstaras la presigon de tiuj belaj paroladetoj.

Je la 7a horo, finiĝis iom abrupte tiu laborkunsido, pri kies pliampleksigo dum estontaj kongresoj devos certe okazi serioza pripensado.

Memorigu ni, ke, laŭ peto de S-ro Poupeye, la temo por proksima jaro en Bruĝo estas « Esperanto kaj Turismo ».

## La vespera festo.

En la bele, abunde kaj verde ornamita unuaetaĝa salonego de la « Ora Leono » okazis vespere granda arta festo, kun la kunlaboro de multaj samideanoj kaj bonegaj artistoj.

Inter tiuj, kiuj aparte prezentis numerojn, estis la juna S-ro J. Cl. Vandervoorde, kiu deklamis fabelon de La Fontaine; F-ino Henriette Heyens, el Antverpeno, kiu vigle kantis ariojn de Cardillo, Grieg kaj Marchetti, akompanata ĉe la pianoforto de F-ino Fél. Meulemans; F-ino M. Pierre, kiu aŭdigis belajn paĝojn de Liszt kaj Beethoven, kaj kiu ankaŭ akompanis la filinon de nia L. K. K.-prezidanto, F-inon Nicole Maes, kiu, kiel lasta individua kunlaborantino, akiris belan sukceson, kun verkoj de Reynaldo Hahn, Gounod kaj Herman Löhr.

Krome, ambaŭ partoj de la programo finiĝis per grupa laboro : grava antverpena delegacio ludis « senpretendan realvokon el la jaroj 1950-51 », kompilitan de F-inoj H. kaj M. Hofkens, sub la titolo « En la jaro 2000 ».

S-ino Léa Bernaerts, en la imitaĵa rolo de Prof. Ĵomotidido gvidis tutan klason de babilemaj sed tre amuzaj gelernantoj. Ĉe la ulina flanko : Jeanne De Hondt, Henny De Ketelaere, Lis. De Winter, Henr. Heyens, Hél. kaj Math. Hofkens, Liv. Merckx, Félicie Meulemans kaj Henr. Toussaint, kaj ĉe la sinjoroj : Henri De Hondt, Roger Jaumotte, Franç. Schellekens kaj Jules Verstraeten; dum, por fini la vesperon, kelkaj bruselanoj, nome S-inoj Ernst kaj Weyn kaj S-roj Jirousek kaj Verdier prezentis dramon en multaj aktoj, tradukitan de S-ro Jirousek : « Joĉjo sen Timo ».

Tiucele ili konstruis belegan teatreton kaj tre zorgplene kunmetis manpupojn, kiuj plej lerte ludis kaj babilis.

Senescepte, ĉiuj numeroj kaj ĉiuj kunlaborintoj estis varme aplaŭdataj, same kiel la « speaker » de la vespero, S-ro Sengel.

## La dimanĉa tago.

Por komenci la dimanĉan tagon kaj por la katolikaj kongresanoj, okazis je la 9a matene, en la malnova kaj vere riĉa preĝejo de la « Riĉaj Kleruloj » belega Di-servo; kantita Meso kun bonegaj solistoj; prediko entuziasma de Pastro Driessen kaj ne nur orgena ludado de « La Espero » sed ĝenerala kunkantado, demandata de la parohestro, de la tri strofoj de nia Himno, meze de la atentaj ĉeestintoj.

## Solena kunsido en la Urbdomo.

Kaj ĉiam akurate je la 10a, malfermiĝis en la Milica Salono de la Urbdomo, la solena kunsido de la kongreso.

D-ro Kempeneers salutis la ĉeestantojn, legis gratulleterojn kaj telegramojn el en- kaj eksterlando kaj ankaŭ senkulpigajn leterojn. Li aparte salutis nome de U.E.A.

Poste li transdonis la parolvicon al la vicprezidanto S-ro Jaumotte, kiu detale kaj kuraĝige raportis pri la laboro de la Ligo dum la jaro 1950a.

La sama oratoro, prezidanto de la « Fondajo Antoinette Jennen », anoncis la decidon de ties administrantaro, elekti, por la jaro 1950a, kiel plej meritplenan esperantistinon, nian malnovan amikinon Maria Elworthy-Posenaer, kies saluta letero ĵus estis legita.

Li emocie priklarigis tiun elekton kaj tondra aplaŭdo substrekis la plenan akordiĝon de ĉiuj kun tiu decido.

Delegacio portos la premion al S-ino Elworthy.

S-ro Carlo Poupeye, kiu estas vera kompetentulo pri radiaj aferoj tiam alportis la konkludojn pri la Radiotemo kaj antaŭmetis rezolucion, kiu estis aprobata ([1]).

S-ro Ch. Poupeye faris, kiel prezidanto de la Bruĝa Grupo, la alvokon por la XXXVIa Kongreso, en 1952a, por festi la unuan grupan oran jubileon en nia lando.

Post alvoko de S-ro Jaumotte por Panjo la Kaso, alvoko al kiu la ĉeestantoj respondis per donaco de pli ol 1.500 frankoj, D-ro Kempeneers anoncis la alvenon de la reprezentanto de la Urba Administracio.

## La oficiala akcepto.

S-ro Duhappart, sekretariejestro ĉe la urba administracio, reprezentanto de la urbestro kaj de la skabenaro, bonvenigis tiam la esperantistojn en la malnova Urbdomo; li deziris al ili bonan sukceson en la kongresaj laboroj kaj ankaŭ en ilia ĝenerala propagando. Li esprimis la esperon, ke Esperanto baldaŭ povos repreni tiun rolon, kiun la latina lingvo, sendiskute plenumis en la mezepoko kaj kiun neniu alia moderna nacia lingvo kapablas atingi nunmomente.

D-ro Kempeneers respondis, dankante la urbestraron pro la akcepto kaj pro la ĝenerala subteno kiun ĝi donas al nia movado, ekz. permesante la organizon de Esperanto-kurso en la Ateneo Robert Catteau.

Aludante la dulingvecon de Bruselo, li substrekis ke tamen eĉ tia dulingveco en la nuna epoko ne plu sufiĉas por internaciaj kunvenoj, kie oni kunvivas la plej strangajn aferojn laŭ lingva vidpunkto.

Memorigante pri kelkaj faktoj tiurilate, li klare montras ke Esperanto ne nur alportos, sed jam alportis la solvon al tiu problemo.

S-ro Jaumotte tuj tradukis la du nacilingvajn paroladojn kaj ankaŭ tion faris dum la bela kaj interesa rondirado en la Urbdomo, dum kiu F-ino Brunard, konservatorino de la Urba Muzeo, donis afable kaj lerte ĉiujn eblajn klarigojn.

## La festeno.

Post tiu vizito, la kongresanoj iris al la statuo de « Manneken Pis », kies vestaĵejon ili povos admiri posttagmeze, kaj daŭrigis ĝis la « Ora Muelilo », kie estis okazonta la festeno.

Ĉe la honora tablo, la Prezidanto estis ĉirkaŭata de la Prezidanto de la L. K. K. kaj de la estraranoj de la Ligo, kun iliaj edzinoj.

Dum kaj post kiam ĉiuj estis ĝuintaj la bonajn manĝojn :

*Diversaj antaŭmanĝaĵoj.*
*Bovvosta supo.*
*Soleaĵo « Moulin d'Or ».*
*Turnrostita bovlumbaĵo Renesanco.*
*Pralina glaciaĵo.*

okazis la mallongaj, sed ĝenerale tre spritaj kaj riĉenhavaj toastoj.

D-ro Kempeneers trinkis je la sano

---

([1]) Jen la teksto de tiu ĉi rezolucio :

1. *Alproksimiĝi al la radioinstitutoj franca kaj flandralingvaj kaj al la internacia stacio de Léopoldville por ke ili elsendu en aŭ pri Esperanto.*

2. *Skribi multnombre al la sendstacioj kaj esprimi la deziron enŝoviĝi en la programojn ankaŭ kelkajn minutojn por Esperanto.*

3. *Starigi en la grupoj, sekcion kiu devas okupi sin ekskluzive pri la programoj.*

de nia juna Reĝa Princo, al kiu la Lando konfidis malfacilan taskon, zorgi ke ĉiuj belgoj forgesu tion, kio ilin dividas kaj pensu nur pri tio, kio ilin kunigas; je la sano de la Princo Baŭdueno, kiu portas niajn esperojn.

S-ro De Ketelaere toastis je l'honoro de niaj fremdlandaj gastoj kaj estis F-ino Vermaas, el Nederlando, kiu respondis, dankis kaj pritraktis kelkajn aktualajn esperantajn problemojn.

Tio donis okazon al S-ro Jaumotte por ankaŭ esprimi pri ili sian vidpunkton kaj, samtempe, plej afable levi sian glason je la sano de la multaj ulinoj, kiuj ĉirkaŭis la tablojn.

S-ino Elly Staes tre vigle reprenis la ganton; post kio S-ro Poupeye promesis por proksima jaro, miraklon al tiuj, kiuj multnombre venos al Bruĝo por nia 36a. Li varme kaj individue dankis la L. K. K.-anojn pro la farita laboro. Kaj estis D-ro Maes, kiu al tiu toasto respondis, dankante kaj alvokante ĉiujn iri al Bruĝo proksiman jaron.

**Vizito al la Urba Muzeo.**

Kaj estis jam tempo por iri al la Urba Muzeo « La Domo de la Pano » aŭ « La Domo de la Duko aŭ de la Reĝo ».

F-ino Brunard denove atendis nin kaj rondirigis la kongresanaron tra la salonoj de la tri etaĝoj. Interesa vizito, dum kiu S-ro Jaumotte denove tradukis esperantlingven... Kaj tie ĉi tio vokis la atenton de la multnombraj vizitantoj, kiuj amase grupiĝis en la vestajejo de Manneken Pis, kie, en tiu preciza momento, delegacio el Lille alportis unu plian kostumon, modestan « slip »-vestajon.

**La balo.**

Post libera duon-posttagmezo, okazis vespere, ankaŭ en la unuaetaĝa salono de la « Ora Leono », granda dancfesto, kun la kunlaboro de la ĝazorhestro « Boogie Band », kiu dancigis ĉiujn ĝis noktomezo.

Dum la paŭzo, F-ino Helmi Veldhuyzen (Delft) salutis la ĉeestantojn nome de T. J. O.

F-ino Nicole Oleffe agrabligis tiun balon per belaj fantaziaj dancoj kaj ŝiaj « step »-evoluoj akiris al ŝi grandan sukceson.

**La lunda ekskurso.**

Tre certe, estis novaĵo inviti la kongresanojn al surpriz-ekskurso tra la bela Brabanto, per speciala tramvagonaro, kiu kondukis ĉiujn al Thienen (Tirlemont), kie okazis cetere bonega tagmanĝo, kaj kie ni estis akceptataj de S-ro Truyens, malnova samideano, kiu, dum plena horo, montris al ni la interesaĵojn de tiu malnova urbo kaj donis al ni la klarigojn esperantlingve.

Esperu ni, ke baldaŭ restariĝos tie la Grupo, kiu iam tiel bone funkciis.

De Thienen, ni veturis al Wavre, kie ni manĝis fromaĝajn tortojn. Kaj finfine, iom antaŭ la oka, ni re-alvenis en Bruselo, kie, por la adiaŭa momento, pluvis.

La kune pasigitaj tagoj estis tamen tro belaj, se ne helaj, por ke, eĉ tiu ĉi malbona vetero, kapablu nubigi tiun disiron, kiu estis okazo por ĝenerala « ĝis revida adiaŭo »...

Hotelo, valizoj, vagonaro, tramo, rehejmiĝo, jen la enhavo de la tuj sekvintaj horoj, sed pri kiuj ni ne devas raporti, ĉar kvankam, laŭ la direkcio, la detaloj estis malsimilaj, la impresoj fakte restis la samaj; nome ke ĉio tro rapide forkuras dum niaj naciaj jarfestoj.

Sed ni, dum tiu pripensado, tamen ne forgesu kaj ankaŭ ne forgesis la laborintojn, kiuj zorgis por ke ĉio estu en ordo kaj kiuj, poste ankoraŭ kiel antaŭe, havos laboron por ĉion reguligi.

Dankon al ili.

Maur. JAUMOTTE.

## Tria listo de Kongresanoj.

79. S-ro WEYN (Bruselo) — 80. F-ino H. HEYENS (Antverpeno). — 81. S-ro L. GENIN (Bruselo). — 82. S-ro G. PETIT-JEAN (Ciney). — 83. S-ro F. PEYLS (Bruselo). — 84. F-ino J. SCHEERLINCK (Meerbeke). — 85. S-ro M. DAEMS (Bruselo). — 86. S-ino M. DAEMS (Bruselo). — 87. S-ro R. PAULUS (Charleroi). — 88. S-ro F. SCHELLEKENS (Antverpeno). — 89. S-ro G. VERMANDERE (Antverpeno). 90. S-ro D. SENGEL (Bruselo). — 91. S-ino R. SENGEL (Bruselo). — 92. S-ino G. PAULUS (Charleroi). — 93. S-ro P. PAULUS (Charleroi). — 94. F-ino E. DUBOIS (Bruselo). — 95. S-ro Ch. AALDERS (Grobbendonck). — 96. S-ino M. STERN (Bruselo). — 97. S-ino L. BERNAERTS (Antverpeno). — 98. S-ino JANSSENS (Antverpeno). — 99. S-ro M. DE KETELAERE (Antverpeno). — 100. F-ino H. DE KETELAERE (Antverpeno). — 101. F-ino H. DECROLY (Bruselo). — 102. S-ino OLEFFE (Bruselo). — 103. F-ino G. OLEFFE (Bruselo). — 104. F-ino N. OLEFFE (Bruselo). — 105. S-ro M. JIROUSEK (Bruselo). — 106. S-ro J. C. VANDERVOORDE (Bruselo). — 107. F-ino M. VERMAAS (Rotterdam). — 108. F-ino Th. MISSIAEN (Bruĝo). — 109. D-ro R. MAES (Bruselo). — 110. S-ino G. MAES (Bruselo). — 111. F-ino N. MAES (Bruselo). — 112. S-ro BRUYNOGHE (Bruselo). — 113. S-ro M. PILLOY (Ottignies). — 114. S-ino Ch. FRANSEN (Valkenswaard). — 115. S-ro L. EVERAETS (Céroux-Mousty). — 116. S-ro J. TIMMERMAN (Gento). — 117. S-ro D. LUEZ (Laon). — 118. F-ino I. VAN PARYS (St-Andries). — 119. S-ino M. COUVREUR (Bruselo). — 120. S-ro R. JACOBS (Bruselo). — 121. S-ro G. RECHT (Bruselo). — 122. S-ro E. PATINY (Bruselo). — 123. F-ino H. VELDHUYZEN (Delft). — 124. S-ro Cl. VANDEVELDE (Merelbeke). — 125. S-ino M. VANDEVELDE (Merelbeke). — 126. S-ro P. VANDEVELDE (Merelbeke). — 127. S-ro L. L'HOST (Bruselo). — 128. S-ro L. BAS (Bruselo). — 129. F-ino L. ERFFELINCK (Bruselo). — 130. F-ino M.-R. IMPANIS (Bruselo). — 131. S-ino DE TRAZEGNIES (Bruselo). — 132. S-ino L. L'HOST (Bruselo).

---

## XXXVIa INTERNACIA KONGRESO DE ESPERANTO

**München, 4-11 de Aŭgusto 1951.**

La nombro de la partoprenontaj laŭ nia scio estas tre grava, kaj multaj landoj estos reprezentataj. Ĉe la fino de Majo, oni jam notis 1.463 aliĝintojn.

Estas preskaŭ certe ke D-ro Privat faros la festparoladon; la geesperantistoj havos la plezuron revidi lin post longa foresto.

Kiel pasintan jaron la Kongreso dividiĝos en kvar sekciojn. Denove okazos la Internacia Somera Universitato kaj Oratora Konkurso inter gejunuloj diverslandaj.

Nia Ligo bezonas oficialajn reprezentantojn en diversaj komisionoj; interesataj bonvolu anonci sin.

Belga Ligo Esperantista intencas organizi komunan vojaĝon de la belgaj samideanoj kiuj vizitos München. Tiuj, kiuj intencas partopreni al la kongreso bonvolu skribi al Reĝa Belga Ligo Esperantista, 19, avenuo Montjoie, Bruselo, kaj diri siajn preferojn. Aviadilo estas la plej agrabla veturilo, sed oni ankaŭ povas vojaĝi vagonare. Laŭ la plimulto de la deziroj esprimitaj, ni faros nian eblon organizi komunan veturadon.

Tiuj, kiuj ne ankoraŭ sendis sian aliĝilon bonvolu tion tuj fari. Ni deziras ke la belga partopreno estu grava por montri la viglecon de la movado en nia lando. Aliĝilojn oni povas ricevi de Belga Ligo Esperantista.

# BELGA KRONIKO

## ANTVERPENO

### Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».

*(Poŝtĉeknumero : 726.54)*

La 6an de Aprilo, la unua Parolata ĵurnalo, laŭ la nova formulo, iĝis granda sukceso kaj la 13an, ĉe la preparo de la Kongreso, la membroj aŭdis S-ron J. Verstraeten, kiu prelegis pri « Esperanto kaj Radio », la temo de la Belga Kongreso.

La 20an, la senlaca sekretario denove parolis pri « Kiel kaj kial mi esperantiĝis ». Li akiris tre varman sukceson, kiun la prezidanto ankoraŭ substrekis.

La 27an, S-ro H. Vermuyten, anstataŭis S-ron Sielens, malhelpatan, kaj ankaŭ pritraktis la Esperantan literaturon, kiun li, per belaj deklamoj kaj legadoj, pli bone konigis. S-ro De Ketelaere, kiu prezidis, varme dankis.

Sabaton, la 28an, okazis komuna parolado kaj dancfesto, organizata kune kun la Filatelia Societo « Miaj Poŝtmarkoj ».

S-ro Jaumotte bonvenigis ĉiujn kaj faris, por la invititoj, kvaronhoran paroladeton pri « Esperanto » kaj poste petis S-ron Vos, paroladi same pri « Filatelio ».

S-ro Vos transdonis, memoraĵe, malnovan poŝtkarton kun esperanto-teksto, dum S-ro Jaumotte havigis koverton kun malnovaj poŝtmarkoj, ensenditan de S-ino Elworthy-Posenaer.

Kaj la ĉefplado de la vespero tiam sekvis : prezento de belegaj, artaj kaj pentrindaj lumbildoj, laŭ fotografaĵoj prenitaj en diversaj regionoj de Francujo de S-ro Soebert, kiun la prezidanto tutkore dankis.

Por fini, gaja dancado, dum kiu la gemembroj de ambaŭ grupoj interfratiĝis.

La 4an de Majo, la Parolata Ĵurnalo denove ĝuis ĝeneralan partoprenon kaj la 11an, la kongresontoj pritraktis diversajn aranĝojn kaj aŭdis lastan ripetadon de la teatraĵeto de F-inoj Hofkens.

La 18an, partoprenis en la raporto pri la 35a Belga Kongreso, fakte ĉiuj kiuj kuniris, precipe la novuloj, kiuj ĉiuj, senescepte kaj tre vigle, raportis ĉiu pri unu ero de la programo.

La 25an, okazis la ĉiujara vizito al la Kermesa Foiro kaj la multaj partoprenintoj pruvis, ke ili ne nur ŝatas esperantajn laborojn, sed ankaŭ amuziĝi en vere amika rondo.

*Programo de la venontaj kunsidoj.*

Ĉiuvendrede, en « Witte Leeuw », Frankrijklei, je la 20 h. 30 :

*Junio.* — La 1an, filatelia vespero, kun ekspozicio kaj flandralingva parolado de S-ro Vos, pri diversaj aspektoj de tiu kolektado. Antaŭe, parolata ĵurnalo: la 8an, « Ni ekkonu... kaj ekkonigu nian Urbon » (sekvo de antaŭaj kunsidoj pri la sama temo); la 15an, amuza vespero; la 22an, parolado de S-ro Ad. Verhoeven (detaloj en la tagĵurnalo); la 29an, DIPLOMDISDONO, kun filmprezentado.

*Julio.* — La 6an, parolata ĵurnalo; la 13an, diskutvespero, « La Atombombo » (kun antaŭaj klarigoj pri etiko kaj danĝero de tiu armilo kaj antaŭzorgoj kaj protekto kontraŭ ĝi), de S-ro Maur. Jaumotte, provinca mobilizadestro de la Ruĝa Kruco; la 20an, intima kunsido; la 27an, « Ni ekkonu nian urbon » (klarigoj, dum surstrata promenado en malgrandaj grupetoj).

*Aŭgusto.* — La 3an, parolata ĵurnalo.

## BRUĜO

### Bruĝa Grupo Esperantista.

Dum la kunvenoj de la 27a de Marto kaj ankaŭ de la 17a de Aprilo, la multnombraj ĉeestantoj ekzercadis en la kantado de Esperanto-kantoj. Libera kantado aŭ deklamado okazis la 3an de Aprilo kaj humoraĵoj agrabligis la kunvenon de la 10a de Aprilo. La 24an de Aprilo, okazis ekzameno pri simpla kapableco. la partoprenintoj : S-ro Bouquet, S-ro André Jadem, S-ro J. Vermeersch, F-ino De Smidt kaj F-ino M. Keukeleire, ĉiuj brile sukcesis. Nova elementa kurso komenciĝis la 1an de Majo, kun kontentiga ĉeesto, malgraŭ la iom maloportuna dato. Dum la kunveno de la 3a de Majo S-ro Karlo Poupeye antaŭlegis sian interesan raporton pri « Esperanto kaj Radio » preparitan por la nacia kongreso. Generala raportado pri tiu kongreso okazis dum la kunvenoj de la 15a

kaj 22a de Majo, kaj dum la unua S-ro J. Vermeersch rediris la oratoraĵon « La baza ideo de Esperanto », kiun li sukcese prezentis en la oratora konkurso de la kongreso. La kunveno de la 29a de Majo estis dediĉata al gaja kaj lerniga portretludado.

*Programo de la venontaj kunsidoj.*

Ordinara kunveno, ĉiumarde je la 20a, en la sidejo « Gouden Hoorn - Cornet d'Or ».

Dum la unua horo de ĉiu kunveno : leciono de la elementa kurso; dum la dua horo :

*Julio* : 5an, impresoj pri la lumigado de la Bruĝaj kanaletoj; 10an, kanta vespero; 17an, parolata gazeto; 24an, muzikludado, kantado kaj deklamado; 31an, triopa interparolado kun posta raporto.

*Aŭgusto* : 7an, surprizparolado de F-ino M. Keukeleire; 14an, « La bestoj kaj ni »; 21an, kanta vespero; 28an, parolado de F-ino De Milde pri « La Ardenoj ».

BRUSELO

## Brusela Esperantista Grupo.

La grupo regule kaj nombre kunvenas, plenumante siajn programojn, preskaŭ ĉiam tre interesaj. Fine de Aprilo, kaj komence de Majo, la preparado de la Kongreso okupis multajn membrojn dum kaj ekster la lundaj vesperoj.

La 21an de Majo, S-ino Ernst finis sian elementaran kurson. La gelernantoj dankis ŝin pere de S-ino Couvreur kiu diris perfekte ĝentilegajn parolojn al la sindonema kaj klera profesorino. Tiu lasta ricevis belegan vazon. Ŝi mem adresis korajn vortojn al la novaj esperantistoj, invitante ilin daŭrigi la studadon de la lingvo kaj la regulan ĉeestadon de la kunvenoj.

D-ro Kempeneers dankis kaj gratulis S-inon Ernst, je la nomo de Brusela Grupo.

La ekzamenoj okazis la 28an de Majo. 4 lernantoj sin prezentis, kaj ĉiuj sukcesis; ili estas S-ino Couvreur, F-ino Dubois, S-roj J. C. Vandervoorde kaj Schoddiyn.

La disdono de la diplomoj estas antaŭvidata je la 18a de Junio kun intima festeto en nia ejo « Saint-Martin ».

Nova kurso, laŭ rekta metodo, gvidata de S-ino M. Weyn, komenciĝos lundon la 11an de Junio, je 19.30 h., en la grupa kunvenejo.

*Programoj de la estontaj kunvenoj.*

Ĉiulunde je 20 h. 30. Ejo : Brasserie Saint Martin, place du Grand Sablon, 38, Grote Zavelplein.

*Junio.* — La 4an, parolata ĵurnalo; la 11an, S-ro Castel « La bestoj kaj ni »; la 18an, finkursa festo, disdono de diplomoj; la 25an, S-ro L'Host, « Ĉielaj kuriozaĵoj ».

*Julio.* — La 2an, parolata ĵurnalo; la 9an, S-ino Couvreur, « Bela Korsiko »; la 16an, S-ro Jirousek, « Provo de nova manpupa teatraĵo », kun S-ino Weyn kaj S-ro Verdier; la 23an, S-ro J. C. Vander Voorde, « La abeloj »; la 30an, S-ro Verdier, « La kalkulreglo ».

*Aŭgusto.* — La 6an, parolata ĵurnalo; la 13an, amuza vespero, gvidata de S-ro Genin; la 20an, F-ino Kestens, « Bibligrafio de Esperanto »; la 27an, S-ino Stern, « Juraj demandoj ».

*Septembro.* — La 3an, parolata ĵurnalo.

---

## ANONCETOJ

— S-ro Manuel VIVES, San José 44, Moya (Barna), Hispanujo, deziras interŝanĝi bildpoŝtkartojn kun belgaj gesamideanoj.

— S-ro C. TOUSSEYN, el Jabbeke, petas nin sciigi ke li ne akceptis esti peranto por la gazeto « El popola Ĉinio » kaj ke lia nomo aperis sur tiu gazeto sen lia konsento.

Oni do ne rilatu kun li pri tiu eldonaĵo.

---

## TURISMAJ ELDONAĴOJ

— *Munkeno* eldonas specialan esperantlingvan prospekton pri Munkeno. Postulu jam nun tiun esperantlingvan prospekton senpagan ĉe Städt. Verkehrsamt, München, Sonnenstrasse, 24, Germanujo.

— *Nürnberg* faldfolio kun plano de la urbo kaj mallonga priskribo, kun invito al la Postkongreso (11a-13a de Aŭgusto 1951).

— *Lago de Como* (Italujo), faldfolio kolore presita kun landkarto de la regiono, gvidlibreto eldonita de Ente Provinciale per il Turismo, Como, de kiu ĝi estas ricevebla senpage.

